# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 20/09/2016 Ducentokdekoka eldono 20/09/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **535,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

生日快乐



# KVINJARA!

## La Novaĵletero (AE)

## « La Aŭstraliaj Esperantistoj »

## naskiĝis 20/09/2011.

## Dankon al miaj karaj kontribuantoj

## Sen vi, AE ne povus ekzisti.













**Unua Eldono** 20/09/2011

# AUSTRALIAJ ESPERANTISTOJ

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni

Se vi trovas bonan informon sur la reto ktp, informu Aŭstraliajn Esperantistojn







**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

# Honore al nia granda heroo kaj lia populara verko



Antaŭ jaroj, fakte kvin, unue ekvidis la lumon de la tago nun treege populara verko aperanta ĉiun semajnon. Ĝia nomo estas “Aŭstraliaj Esperantistoj” kaj ĝi estas, ĉiun semajnon, avide legata ne nur en Aŭstralio kaj Novzelando, sed ankaŭ en Afriko, Anglujo, Germanujo kaj Danujo. Plej verŝajne ankaŭ en multaj aliaj landoj, ĉar, kiel jam menciite, ĝi estas ne nur populara, sed eĉ treege popularega.

Ĝia redaktanto bonege redaktas ĝin. Por certigi, ke ne estu tro da eraroj en ĝi kunlaboras ankaŭ provleganto. Ĝis nun pluraj provlegantoj faris tion, kaj tion ili faris eĉ tre bonege. Ni devas danki ankaŭ ilin, ĉu ne?



La bonega redaktanto estas aŭstraliano. Longan tempon, fakte multajn jarojn mi erare opiniis, ke li estas granda skoto, ĉar li perfekte kaj ĉarme ludas la sakŝalmon. Mi scias, ke oni ludas tiun muzikilon ankaŭ en Irlando, Kimrujo kaj sendube ankaŭ en pluraj aliaj landoj kiaj Nordafriko, Araba Duoninsulo, ankaŭ Hungarujo, Ukraino ktp. oni scias pri ili, sed nun mi scias, ke almenaŭ unu ludas ĝin ankaŭ en Aŭstralio, kaj li estas nia energia kaj populara Roger !

Tiu unika kaj tre populara sakŝalmisto estas nia kara Roger. Povas esti, ke li ne plu ludas la sakŝalmon tre ofte, ĉar nun li tre interesiĝas pri nia kara lingvo, Esperanto. Li certigas, ke ni ĉiuj estu regule, fakte ĉiun semajnon, informitaj pri gravaj okazaĵoj en Novsudkimrujo, Okcidentaŭstralio, Nordteritorio, Kvinslando, Viktorio, Tasmanio kaj eĉ Sudaŭstralio. Ĉu mi forgesis iun. Se jes, bonvolu pardoni min, mi neniam estas bona pri geografio, sed estas ja ankoraŭ unu teritorio, kiu ja ankaŭ iomete gravas, ĝia nomo estas “Aŭstralia Ĉefurba Teritorio”! Mi mem kelkfoje estis tie !!!

Tiu Roger tre interesiĝas pri la progresado de Esperanto kaj samtempe pri la bonfarto de ni ĉiuj.



Do, Roger, ni sincere kaj elkore dankas vin pro via senlaca laborego pro la granda afero. Vi faris – kaj ankoraŭ kaj ĉiame – faras vian plej bonan por la plezuro ktp. de ni ĉiuj.

Koran dankon pro tiuj jam pasintaj kvin jaroj. Ni deziras al vi multe da energio por la venontaj kvin jaroj. Kaj bonvolu ne forgesi, de tempo al tempo, ludi, eĉ ludadi, vian belsonan sakŝalmon !!!

Amike Bob Felby el Adelajdo

# El Perto







Jam 5-jaraĝa! AE estas kvazaŭ nia propra 'facebook' laŭ kiu ĉiusemajne oni povas sin ĝisnunigi koncerne la aferetojn okazintajn en nia eta komunumo, krom ĝui ankaŭ la aldonajn komentojn kaj erojn el eksterlande. Mi sincere dankas al Roger kaj al ĉiuj helpantoj kaj kontribuantoj. Nun, antaŭen al la ontaj 5 jaroj. 🎂✿♪♪Vera Payne

# Esperanto-Federacio de NSK, kaj la Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo





Kara Roger, Pere de la Esperanto-Federacio de NSK, kaj la Esperanto-Klubo de la Centra

Marbordo, mi gratulas vin je kvin jaroj de la novaĵletero, *Aŭstraliaj Esperantistoj*. Tiel granda atingo! Mi dankas vin pro via diligenteco kaj daŭra dediĉo al la Esperanto-movado.

Jonathan Cooper Prezidanto de EFNSK, Vicprezidanto de AEA

# El Hobarto





La kvina datreveno al "Aŭstraliaj Esperantistoj" certe estas festinda evento. Mi sendas multajn aplaŭdojn al la homoj, kiuj funkciigas la ĵurnalon kaj mi intencas sendi pli da raportoj en la estonteco.

Kam Lee

# El Adelajdo







Kara Roger,

Do via bulteno estos baldaŭ 5-jara! Certe unu el la plej bonaj iniciatoj de la lasta tempo.

Ni gratulas kaj deziras al vi kaj viaj provlegantoj multe da sukceso en via misio progresigi unu el la plej noblaj aferoj en la mondo, la interhoma lingvo Esperanto.

Katja kaj Trevor Steele

# El Canton Beach NSK





Kara Roger,

Kun ega plezuro mi legis vian AE287. Specife mi ŝatis vian lertan kleran "Komparu Esperanton" liston'', kaj la bundaj koloroj de la bildoj faras leganton ĝoja

Gratulojn pro viaj ege bonaj faradoj; nun vi povas ankoraŭ tion fari, sed ne plu devas uzi tute vian tempon pri oficejaj devigoj, vi estas pli libera, ĉu ne ?



Varmajn salutojn,

Henriette. Vanechop

# La Melburna Esperanto-Societo



***5 JAROJ !!!!***



La Melburna Esperanto-Asocio gratulas Roger Springer pro la kvin jaroj de Aŭstralia Esperantisto. Tiu gazeto estis elsendata sen paŭzo ĉiun semajnon dum kvin jaroj, eĉ kiam Roger vojaĝis eksterlande.

La gazeto informas la legantojn en Aŭstralio kaj tra la mondo, pri Esperantaj aferoj en nia lando . Ĉiam plena da interesaĵoj, ofte amuza, kaj informplena.



Do, Roger, vi devas esti fiera pri via laborego kaj ni dankas vin pro via valora kontribuo al Esperanto en Aŭstralio.

Ni antaŭĝuas la venontajn kvin (almenaŭ) jarojn de legado. Heather Heldzingen

# El Dooralong NSK







Saluton Roĝero !
Gratuloj pri la kvina datreveno de la "Aŭstraliaj Esperantistoj".
Estis grandega laboro, semajno post semajno kun nenia interrompo.
La mondo de Esperanto estas vere pli bona pro via fortostreĉo.
Dankon, Gerry Phelan.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## DE "BES" EN BRIZBANO

**NIAJN PLEJ KORAJN BONDEZIROJN,**
**KARA ROGER,**
**POR KVINJARA EKZISTADO DE VIA KOMUNIKGAZETO.**
**NI DANKAS VIN PRO VIA LABOREMA SERVO POR LA TUTA ESPERANTO-FAMILIO EN AUSTRALIO.**

**Amike, Petro Danzer, sekretario,**
**Brizbana Esperanto Societo**

**( FB: Brisbane Esperanto Society )**



Brizbana Esperanto-Asocia Biblioteka Kunveno *Amike, Petro*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo

Ĉe la kunveno 17a Septembro.
Venis Roger Springer, Chris Holliss John Casey kaj Eunice Graham.

★★★★★★★

Kio surprizo ke "Aŭstralianaj Esperantistoj" celebras kvin jarojn de eldonado.
Mi opinias ke la ĵurnalo aperas nure 2/3 jarojn antaue.
La tempo flugis, ĉu ne?

"AE" estas bona, granda, laboro ĉar Roĝero sukcesas plenumi kelkojn foliojn kun artikoloj semajne.

Estas tre agrabla prilegi esperantistajn aferojn en Aŭstralio aŭ aliaj lokoj.
Verki iom da novaĵo por ĝi estas mirinda ekzercado por ni ĉiuj, kaj mi antaŭĝuas la venontajn numerojn.



Aparte, mi volas danki Roĝeron pro sia amasega servo dum li Prezidantis EFSKon kaj doni bondezirojn al Jonathon por la jaroj kiuj venos.
Chris Holliss

# Demando pri la artikolo de Marcelo (AE 287)

Koran dankon pro alia interesa numero de "Aŭstraliaj Esperantistoj"!
Precipe la artikolo de Marcelo estas interesa kaj atentokapta.
Mi legis ĝin kun eĉ tre grandega intereso!
Nun mi ŝatus scii ĉu ankaŭ vortoj kiaj suno kaj luno estu traktataj same kiel Sabato kaj Dimanĉo?
Ĉu ni skribu la suno brilas? Aŭ La Suno brilas? Aŭ Suno brilas?
La luno brilas? Aŭ La Luno brilas? Aŭ Luno brilas? Ĉar ankaŭ tiuj du planedoj estu ja traktataj kiel Vendredo kaj Lundo, ĉu ne?



Plej amike,
Bob Felby

# Novaĵo el Hobarto



Du lastatempaj Hobartaj Esperantaj agadoj estas vizito al Mona Artgalerio kaj partoprenado en la Vintra Tabulluda Festivalo en Hobarto.

Dum la vizito al la Mona Galerio, mi rigardis "Serpenton" (1970-72), verkitan de Sidney Nolan (1917-1992), kiu estas mondkonata pro lia "Ned Kelly" pentraĵoj. La verko estas bonkonata grandega muralbildego kiu konsistas el 1,620 pentraĵoj kaj kune montras grandegan ĉielarkan serpenton.

Alia interesa vidita verko estas "Klimatkontrolado", verkita de Cameron Robbins. La papera desegno estas desegnita per uzo de papero metita sur malrapide rotacianta bobenego (drum or cylinder) kaj krajono, kiu estas kontroaita de robotika brako. La rotacia rapideco de la bobenego estas kontrolata de la forteco de la suno. La vertikalaj movadoj de la maŝina brako estas kontrolata per la nivelo de la proksima rivero kaj direkto kaj forteco de la vento.

Dum la Vintra Tabloluda festivalo mi unue ludis kelkajn ludojn de ŝako, kiu estas ankaŭ ludita de Maj. Berndt kiu ludis "Scythe", kiu estas futurisma tabula ludo. De tempo al tempo, mi ankaŭ rigardis multajn specojn de ludantaj ludoj,

Poste, Maj kaj mi ludis kartludon "Eksplodantaj Katidoj".
La ludo komenciĝas kun kvar aŭ pli de ludantoj. Ĉiu ludanto havas kvin kartojn. La celo estas preventi eksplodojn (metafore!) en viaj kartoj kaj kaŭzi eksplodojn en la kartoj de viaj kontraŭuloj. La lasta homo kiu ceteras en la batalo estas la gajnanto de la ludo. Bedaŭrinde mi estas viktimo en la ludo, sed la ludo estas ĝuebla afero.

Nuntempe mi kontaktis Jenny Moffat, Lingvan studenton en la Universitato de Tasmanio, kiu interesiĝas lerni Esperanton. Espereble, aliaj universitataj studentoj interesiĝas pri la lingvo en la estonteco.

Venontan Novembron mi kaj Maj intencas partopreni en teatraĵa kaj filma projekto kun Richard Delamore kaj Dimitri en Sidnejo. Mi scivolas pri ĉu aliaj interesiĝas partopreni en la afero?



La kvina datreveno al "Aŭstraliaj Esperantistoj" certe estas festinda evento. Mi sendas multajn aplaŭdojn al la homoj, kiuj funkciigas la ĵurnalon kaj mi intencas sendi pli da raportoj en la estonteco.

Kam Lee



Ĉe la oficeja parto de Esperanto Domo, 3-11-2015. Verŝajne la horo estis proksimume dek minutoj post la sepa vespere. Mi intencas reveni post unu jaro por aliaj teatraĵaj projektoj!



Maj kaj Martin dum vizito al la Mona muzeo en Hobarto, Julio, 2016.
En la fono estas parto de la ekstero de la muzeo kaj la Rivero Derwent.



Proksime al la centra parto de la Mona bieno (property).



Tri Esperantistoj dum la fino de la sukcesa Vintra Tabla Ludfestivalo en Hobarto, 21-8-2016. Maldekstre al dekstre sidas Berndt, Maj kaj Kam.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komuna kunveno de du Esperanto-kluboj ĉe Wyong, NSK

La Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kaj Novkastela Esperanto-Societo kunvenis ĉe Albert's Café, Wyong, Dimanĉon, la 18-an de Septembro.



Naŭ homoj partoprenis (relative granda nombro por ni): Jonathan, Eckhardt, geedzoj Jo kaj Alan (de la Centra Marbordo), Andrew, Kerry kaj ŝia filo Rowan (de Novkastelo), kaj Dmitry kaj lia edzino Natalia (de Sidnejo).

Inter la konversacio, Jonathan prezentis mallongan recezon de la libro "Esperanto: Learning and Using the International Language", Andrew raportis pri sia lastatempa rendevuo kun la estro de la novkastela branĉo de NSW Primary Principals' Association (pri la instruado de Esperanto en lernejoj) kaj Dmitry parolis pri la venontaj lingvaj festivaloj en Sidnejo (8-an de Sep.) kaj la Centra Marbordo (3-an de Dec.).

Niaj kunvenoj okazas ĉiumonate je la tria Dimanĉo, inter 11:45 kaj 13:30. Ĉiuj bonvenas. Por pli da informo, vidu la retpaĝon [esperantohouse.org.au/eo/events/cc/](esperantohouse.org.au/eo/events/cc/)



*Raportis Jonathan Cooper*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Kondicionalo.



La kondicionalo estas la modo de la verbo, kiu indikas ke la ago estas nereala kaj nur fiktive imagita aŭ ke ĝi estas dezirata sed neebla. Ĝi havas la finaĵon -us. Bedaŭrinde, pro eŭroplingva influo, oni malĝuste tendencas uzi ĝin ankaŭ por agoj reale dezirataj por ĝentile peti tian agon. Ĉi lastan uzon ni evitu kaj anstataŭe uzu ĝentiligajn vortojn kun la indikativaj finaĵoj -as kaj –os kaj -is kaj -u kaj -i, ekzemple anstataŭ "Ĉu vi povus helpi min?" kio vere signifas "Vi ne povas helpi min", oni diru "Bonvolu helpi min", aŭ "Mi esperas, ke vi povos helpi min", kaj aliajn.

La nomo "kondicionalo" ne estas bona termino, ĉar ekzistas alia modo en kiu troviĝas kondiĉo inter du frazoj kiu kondiĉo estas reala, ne imagita. Pro tiu misnomo P.A.G. uzas por la reala kondiĉomodo la nomon supozo, nome en supoza subpropozicio, kia en "Se pluvos, mi ne eliros". Ĉar la nomo "kondicionalo" estas vaste uzata por la nereala kondiĉo, ni uzos ĝin.

Problemeto estas, ke en eŭropaj lingvoj la kondicionalo de tempo al tempo uzatas por imago pri pasinta nereala modo, ĉar ne eblas en tiuj lingvoj nek en Esperanto, escepte se oni uzus la sufikson "-intus", havi la du finaĵojn necesajn -is kaj -us kune. Oni mallerte uzas tiam la adjektivan participon por indiki imagon per la reala pasinteco, ekzemple "Mi estus elirinta se ne estus pluvinta". Verŝajne tiaj pasintaj nerealaj kondicionaloj estas nur eŭropa pensmaniero. Sed ĝi regule aperas en Esperanto, kvankam anstataŭe oni povas uzi pozitivan indikativon kun ĉar, kiel en "Ĉar pluvis, mi ne eliris", kio signifas la samon kiel la uzatan sed neĝustan negativan "Se ne estus pluvinta, mi estus elirinta". Notu ke en la lasta frazo la verboj en ambaŭ frazoj bezonas la participan formon.

La kondicionalo uzatas nur ĉe kondiĉa, do supoza, ĉefpropozicio kun subpropozicio komenciĝanta per "se". Estas la nereala subpropozicio kun "se", kiu indikas la kondiĉon por ke la imagita ago en la ĉefpropozicio okazu, ja imagite. Ekzemplo: "Se mi estus nun en Usono, mi vizitus ĝian prezidiston", signifanta ke ĉar mi en realeco ne estas nun en Usono, mi en realeco ne vizitas lin. Ne malofte ni forlasas unu el la du propozicioj subkomprenante la forlasitan, kiel en "Mi ne farus tion, ĉu ci?", aŭ "Se mi estus riĉa, hm.". Kelkaj sciencistoj klarigas, ke la kondicionalo estas unu el la du precipaj ecoj, per kiuj diferencas la pensmanieroj de homoj kaj de la aliaj animaloj, kiuj lastaj ne kapablas pensi kondicionale.

Al komencantoj oni konsilas ne uzi la -us-kondicionalon, ĉar ĉiam eblas uzi aliajn esprimojn por la samaj ideoj per la finaĵoj -as aŭ -is aŭ -os. Ekzemple por "Se mi estus monhava, mi aĉetus helikoptron" oni povas diri "Ĉar mi ne estas sufiĉe monhava, mi ne aĉetos helikoptron".

Jen aliaj ekzemploj de la normala -us-kondicionalo: "Se ci estus virino, ci povus naski infanojn (sed ci ne estas virino, do ci ne povas naski )". "Mi irus fiŝkapti, se ne hajlus", sed hajlas, do mi ne iras fiŝkapti. "Ni vojaĝus al la suno, se ĝi ne estus tiom varmega". "Se la homa raso pli inteligentus, ni ne havus militojn". "Se la tempo nun retroirus, ni plijuniĝus".

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★